


2a JARO FEBRUARO 1910 4a NUMERO (16)

# BELGA ESPERANTISTO



## MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ; LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen, Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*



ALBERTO I

# Reĝo Alberto I

La 23an de Decembro 1909, la belga popolo solene inaŭguris sian trian reĝon, Alberto I.

ALBERTO-LEOPOLDO, princo de Belgujo, naskiĝis en Bruselo la 8an de Aprilo 1875 ; li estas la filo de Lia Moŝto Filipo, grafo de Flandro, frato de la mortinta reĝo Leopoldo II, kaj de Ŝia Moŝto la princino Ludovikino de Hohenzollern-Sigmaringen.

Princo Alberto studadis en la milististа lernejo de Bruselo, kie li intersekve akiris la diversajn gradojn en la armeo ; en la jaro 1907 li fariĝis leŭtnant-generalo. Li edziĝis la 2an de Oktobro 1900 kun Ŝia Moŝto Elizabeto, princino en Bavarujo ; du princoj kaj unu princino naskiĝis el tiu edziĝo.

La nova reĝo preparis sin por sia reĝa tasko farante grandajn vojaĝojn eksterlanden — la lastan jaron li travojaĝis Kongolandon, nian novan kolonion —, vizitante fabrikejojn, uzinojn kaj minejojn, kaj interesiĝante pri la grandaj sociaj problemoj de nia epoko.

Reĝo Alberto kaj lia inda edzino estas tre amataj en Belgujo.

« Belga Esperantisto » esprimas al Lia Reĝa Moŝto Alberto siajn respektplenajn gratulojn kaj siajn plej korajn bondezirojn por Lia feliĉo, tiu de Ŝia Majesta Moŝto la Reĝino kaj de la tuta reĝa familio. Lia Regado estu longa kaj prospera !

B. E.

---

La 24an de Decembro la estraro de la Belga Ligo Esperantista sendis al Reĝo Alberto la jenan telegramon :

« *Al Lia Majesta Moŝto Alberto I, Reĝo de la Belgoj, Bruselo.*

*La Belga Ligo Esperantista respektplene gratulas Vian Majestan Moŝton, kaj prezentas al Vi siajn plej sincerajn bondezirojn por Via feliĉo kaj la prospereco de Via regado.*

VAN DER BIEST-ANDELHOF, *prezidanto ;*
LÉON CHAMPY, *sekretario.*

Lia Majesta Moŝto respondigis :

« *Al Sinjoro Van der Biest, prezidanto de la Belga Ligo Esperantista.*

» *La Reĝo komisias min vin danki sincere pro la sentoj kiujn vi esprimas al Li je l'nomo de la Belga Ligo Esperantista.* »

(Tradukaĵo.)

# Samideana Trinkkanto

Laŭ germana melodio — Esperanta teksto de Frans SWAGERS



















2. Se l'antaŭjuĝon
Malhelan de la nuna hor'
Per verda stelo
Pelas vi for,
Jen mia mano, k. c.

3. En l'estonteco,
Se fine venkas nia pen',
Ho, nin kunigos
Granda festen'.
Jen mia mano, k. c.

4. Ni estas kerno
De l' granda Esperantistuj' ;
Aliĝu ĉiuj
Venu do tuj !
Jen mia mano, k. c.

---

Ĉiuj kantoj, aperintaj en «Belga Esperantisto» estas aparte aĉeteblaj en la **Centra Esperantista Belga Oficejo**, ĉe O. Van Schoor. 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers).

Ĉiu ekzemplero kostas 10 centimojn.



# Rerigardo al la jaro 1909,

de **Profesoro P. CHRISTALLER**, (**Stuttgart**).

El **Germana Esperantisto**, N-ro de Januaro 1910.

La ĉi-jara tutmonda festo de la esperantistoj okazis en la iom malproksima Barcelono. Tio kaj la politikaj malkvietaĵoj, kiuj, malmultan tempon antaŭ la komenco de la kongreso emociis la ĉefurbon de Esperantujo, Barcelono, estis la motivo, kial la kongreso estis malpli multnombre vizitata ol la antaŭaj (iom pli ol 1300 partoprenantoj ; en Dresdeno ĉeestis preskaŭ 1500). Ankaŭ la ĉi-jara kongreso ne sukcesis akiri laŭ ĉiu senco la senrezervan laŭdon, kiel la Dresdena kongreso. La kulpo pri tio apartenas grandparte al la lokaj cirkonstancoj. Oni nur pripensu la fakton, ke en Port Bou, ĉe la hispana landlimo, estis preskaŭ sola alirejo, kie centoj da esperantistoj, malgraŭ la komplezo de la el Barcelono alrapidintaj amikoj, vere spertis la hispanan farmanieron. Tamen neniu povos dubi nek pri la bona volo de nia katalunaj amikoj nek pri ilia entuziasmo por nia movado. Antaŭ ĉio oni devas laŭde citi, ke ili sukcesis, tiamaniere influi sur la Registaron kaj la Urbestraron, ke tiuj plimulte ol iam en antaŭaj kongresoj sin montris favoraj. Ne nur, ĉar la Reĝo akceptis la honoran prezidantecon kaj salutis telegrafe la kongreson, eĉ antaŭ ol oni sendis saluton al li mem, — ne nur ĉar la Reĝaj geedzoj fondis por la « Floraj Ludoj » premion de 250 pesetoj, — sed speciale ĝojige estas konstati, ke la hispana registaro sendis oficialajn invitojn al aliaj landestraroj por sin reprezentigi ĉe la kongreso. Al tiu invito sekvis tri landoj: Belgujo, Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko kaj Norvegujo. (En Kembriĝo nur Belgujo, en Dresdeno nur la Unuigitaj Ŝtatoj kaj Japanujo estis oficiale reprezentitaj).

Kaj post la kongreso la fakto ke la Reĝo de Hispanujo nomis D-ron Zamenhof Komandoro de l'ordeno de *Izabelo la Katolika*, naskis ĝeneralan ĝojon en Esperantujo. Cetere la urbestraroj, tiel la Barcelona, kiel la Valencia dum la postkongresaj festoj, ne povis sin montri pli afablaj. Precipe estas denove citinde la spirito de unueco, kiu regis inter la kunvenintoj kaj la singardemo de la kongresestroj, kiuj, kiel aperis okaze de la propono pri la oficiala reprezentaro, nenion volis altrudi al la Esperantistaro, kio ne jam estas ĝenerale dezirata. Certe, ambaŭ faktojn kelkaj el niaj kontraŭuloj provis false interpreti ; ni ne lasu nin hipnotigi per niaj kontraŭuloj! Ili ja nur vivas per la kritiko kaj trovas ĉiam pli da laboro en sia propra tendaro : jam sep « Ididoj » ekvidis la lumon de l'mondo, kiujn la ĉefkomandanto en Idujeto volonte taksas kiel « malsaja » (malsaĝa) kaj pri kiuj li sciigas, ke, pro la multeco de materialaro, li deziras nur sin okupi pri la plibonigado de Ido. Unu el siaj kunuloj eĉ deklaras en la Julia kajero de «Progreso»: *Ido bezonas periodon de netuŝebleco!*

Oni apenaŭ kredas siajn okulojn ! Ni pripensu tiajn ŝanĝojn, ni pripensu plie, ke la radianta suno de Ido, ne ankoraŭ, kiel la Idistoj estis kredintaj, allogas la mondon de la scienculoj per tamburoj kaj trumpetoj ! Ni pripensu fine, ke neniu el la iom perfektaj lingvaj sistemoj demetis la armilojn pro Ido, kaj certe ni plenfide povas kviete daŭrigi nian laboron, kaj tute ne pensi pri ia kunago kun tiuj.

Rerigardante unue al GERMANUJO, ni povas esti tre kontentaj pri niaj progresoj ; la nombro de la grupoj denove pli ol duobliĝis dum la pasinta jaro. Je la fino de 1907 = 40 ; 1908 = 83 ; nune 212. Ĉar Britujo kaj Usono ne ankoraŭ atingas la nombron 200, Germanujo alvenas jus post Francujo.

* * *

La **IVa Germana Esperantista Kongreso**, kiu kunsidis en Gotha (21-23 Majo), estis tiele grava por nia movado en Germanujo pro la fakto, ke, konforme al grandiĝantaj proporcioj, pli laŭcela aranĝo de la Ligo estas kreita. Ĝi alprenis la nomon *Germana Esperantista Asocio*. La estraro de la Asocio konsistas el D-ro Mybs (Altono), D-ro Moebusz (Lübeko) kaj D-ro Kandt (Brombergo).

La lasta estras la asocian oficejon. La 17 anoj de la komitato dividas inter si la diversajn laborajn fakojn (Rilatoj kun la eksterlando, vortaro kaj gramatiko, financoj k. c.). La propaganda kapitalo de Gotha estas uzata por propagandaj artikoloj en ĵurnaloj, por jarlibro kaj kantaro sen notoj.

Interne de la Asocio naskiĝis diversaj **Regionaj ligoj** ; unue la Orientgermana, poste, la plej grava, la Saksa, sub la direktado de D-ro Schramm, plie la Okcidentgermana kaj la Bavara. En Virtembergo, kie nuntempe nur ekzistas tri grupoj kaj kelkaj « izolituloj » okazis diversaj kunvenoj inter ili. Precipe vigla sin montras la Bavara ligo, kiu akceptos en Aŭgsburgo, je la Pentekosto, la kvinan Germanan Kongreson : 19 lokaj grupoj naskiĝis dum la mallonga tempo de ĝia ekzistado kaj multnombraj influaj personoj en Aŭgsburgo ne nur apogas, sed lernas Esperanton.

La fortike kreskinta Berlina grupo disiĝis en diversajn branĉojn, kiuj, sub la nomo «*Esperanta Gruparo Berlina* » havas sian unuecon. La 5 esperantistaj societoj en Leipzigo starigis urban ligon, same la Dresdenaj grupoj. La en tiu lasta urbo ekzistanta **Saksa Esperanta Instituto** tre bone prosperas : krom la ordinaraj kursoj oni organizis tie du specialajn por instruistoj. Dum la monato Januaro oni malfermos trian, por prizorgi la jam senteblan mankon de diplomitaj profesoroj.

La ambaŭ propagandaj oficejoj en Berlino kaj Aŭgsburgo provizas la grupojn per flugfolioj, en ses diversaj numeroj. La *Centra komercejo por Esperantujo* de Joh. Heyn en Leipzigo kiu dum la Barcelona kongreso organizis riĉan esperantan ekspo-

zicion, estas sur la bona vojo por fariĝi centra oficejo por ĉiuspecaj esperantaĵoj.

KOMERCO KAJ INDUSTRIO

En Dresdeno 160 komercaj firmoj korespondas esperante ; en Brombergo diversaj firmoj, speciale la Bavara Komerca Banko, finance favoras la movadon. Inter la komercaj katalogoj, kiuj estas haveblaj en la Saksa Esperanta Oficejo (kontraŭ repago de la poŝtelspezoj) estas ĉefe citinda la riĉe ilustrita katalogo de la «Hüttigsche Aktiengesellschaft» (Dresdeno) pri fotografaj komercaĵoj. En Berlino oni starigis la « *Tutmonda Esperanta Anoncekspedo* » por la impreso de anoncoj en esperantajn ĵurnalojn kaj nacilingvajn publikaĵojn. — En Usono estas eldonata, parte en Esperanto, « *The Export Esperantist* ». La komerca ĉambro en Washington, esprimis al la amerika kongreso en Chaŭtaŭqua la deziron, ke la internacia kongreso de 1910 okazu en ĝia urbo, kaj promesis ageman apogon. En Varsovio la tieaj esperantistoj starigis komercan sekcion. — En Parizo oni enkondukis Esperanton en la oficejon por sciigoj kaj tradukoj por eksterlandaj komercistoj.

La estraro de la ekspozicio de higieno en Bolonjo (Italujo) uzis Esperanton por siaj eksterlandaj rilatoj. Okaze de enketo inter la hispanaj komercaj ĉambroj unu respondis per Esperanto, ses sin montris favoraj pri la afero kaj du volonte deklaris apogi la movadon.

*(Daŭrigota)* Kun la afabla permeso de l'aŭtoro

AMATUS

esperantigis.

---

# Pri la defendo de la lingvoj de malgrandaj nacioj

« Ho montru ni al la homar',
Aŭdiĝu la proklamo,
Ke la rasar' kaj kredaĵar'
Kuniĝas, *sed pri l'devenar'*
*Ameme memoradas* ;
Eĉ kiel la riveretar'
La *Ŝanon* (1) *enfluadas*. »

THOMAS DAVIS (2)

Jen venis kaj forpasis la kvina kongreso, sed la Ligo inter la malgrandaj nacioj por la konservado de la gepatraj lingvoj ne estas ankoraŭ starigita. Pro la bedaŭrindaj okaz-

(1) La ĉefa rivero de Irlando.
(2) Irlanda poeto. La tradukaĵo estas de F-ino Deans, el Edimburgo.

intajoj kiuj malkvietigis Barcelonon la lastan someron, la Katalunoj opiniis, ke pli prudente estos ne okazigi kunvenon pri tiu celo en sia ĉefurbo dum la kongresa semajno. Do, laŭ ilia konsilo (kaj ili plej bone el ĉiuj konas la staton de sia hejmlando), kunveno ne okazis. Sed mi ĝojas pro diversaj leteroj, kiujn mi ricevis, kaj kiuj sciigis min ke kvankam prokrastita, la starigo de nia ligo ne estas forgesita.

La celo de la Esperantismo estas fratigi la tutan homaron. D-ro Zamenhof neniam intencis fratigi nur la popolojn de la — tiel nomataj — grandaj nacioj, kaj neniu povas pretendi ke ni, anoj de la malgrandaj nacioj, devas esti la duonfratoj de la homaro.

Por ke tio ne okazu, ni devas resti fidelaj al ni mem, antaŭ ĉio al niaj propraj gepatraj lingvoj. Sen lingvo, sen lando ! Honoru ni tiun amatan idiomon, en kiu niaj poetoj kantadis, niaj antikvaj saĝuloj pensadis.

Idoj de la malvastaj landoj, estu fidelaj al vi mem ! Ne estu imitemaj simiuloj, sed homoj ! La vastlimaj nacioj ofte donas al vi siajn malvirtojn, nomante ilin « la civilizacio ». Facile estas imiti iliajn malvirtojn, sed vi ne sukcesos imiti iliajn virtojn, ne forlasante viajn proprajn. Nacio povas fariĝi granda nur per memstareco, per fideleco al si mem.

Oni ne pensu ke nacioj kun vastaj limoj estas tial grandaj ! Oni tro ofte konfuzas la vastecon, la fortecon, kun la vera grandeco.

Multaj homoj ĉiam salutadas la heroecon de Napoleono I, forgesante la heroecon de la nacioj kiuj vane, sed plej kuraĝe, plej brave, lin kontraŭbataladis, kaj nuntempe ankoraŭ, la pilgrimantoj amasiĝas ĉirkaŭ lia tombo, preterpasante la sanktejon de la saĝulo kaj de la sanktulo.

Kiamaniere oni devas taksi la grandecon de iu nacio ? Ŝajnas al mi, laŭ ĝia influo sur la homaron.La popolo kiu instruas, kiu riĉigas, kiu plibonigas la homaron, — jen granda popolo.

Kaj el tiu vidpunkto, en kiuj landoj — ĉu vastaj, ĉu malvastaj — oni trovas la veran grandecon ? La historio tre ofte citas la malgrandajn naciojn kiel bonfarantojn, kiel plibonigantojn de la homaro. Ĉu ĝi sammaniere parolas pri la vastlimaj nacioj ? Aŭ ĉu ĝi intence silentas ?

Ĉe la anoj de la malgrandaj nacioj oni ĝenerale konstatas profundan patriotismon, ĉar ĉiu scias ke la ŝtato dependas de li, kaj pli intime sentas sian devon al la patrujo. Efektive kiaj ŝtatoj naskis la modelojn, la ekzemplojn al la patriotoj de ĉiu lando ? La malvastaj ! Jen Leonidas en Sparto, Kosciusko en Polujo, Wallace en Skotujo, Artevelde en Flandro, Brutus en la tiam eta Romo. Kiu en Iberujo bataladis dum centjaroj por forpeli la fremdajn Maŭrojn kaj liberigi la grandan nuntempan Hispanujon ? Simple tute sensignifa ŝtateto. Kaj en la

lastaj tempoj la braveco de la Sud-Afrikaj respublikoj Transvalujo kaj Oranĝostato elstaros kiel celindaĵo, kiel imitindaĵo al la patriotoj de la estontaj tempoj.

Pripensu ni aliajn temojn.

Ni unue rigardu la antikvan Grekujon. Ateno estis la universitato de Romo kaj de la tuta tiama mondo. Je tiu tempo Grekujo estis venkita de la armeo de la ĉiupova Romo, sed pri la ecoj de la animo — la plej nobla parto de l'homo — la venkinto estis feliĉa sidadi ĉe la piedoj de la venkito por entrinki la vortojn de saĝo kiuj ekfalis de liaj lipoj. Rilate al la artoj, la filozofio, la leĝoscienco, la literaturo, al kiu vasta imperio ŝuldas la homaro tiom, kiom al la malvasta Grekujo? Ridinda estas la demando.

La plej famaj artaĵoj de la Renesanca periodo naskiĝis en la italaj ŝtatetoj, en la Venezio de la doĝoj, en la Romo de la papoj, en la Florenco de la familio Medicis. Genovo lulis en Kristoforo Kolombo la destinon de la nova mondo...

Rememori la pasintajn tempojn ege plaĉas al mi kaj certe estas utile tion fari. La pasinteco enhavas la estontecon. Mia koro fiere tremadas rememorante la heroojn, la respektindajn praavojn kiuj vivadis en la humilaj domoj de la amataj regionoj kiuj karesas mian fantazion. Mi volonte kredas ke, sub tiuj respektegindaj tegmentoj regis pasia amo al la patrujo, ne pro la donaĵoj kiujn ĝi ĝuigis, sed pro ĝi mem, — pro ĝiaj montoj kaj valoj, riveretoj kaj kampoj, arbaroj kaj herbejoj, ĝiaj erikejoj kaj lagoj, kaj speciale rilate al mia irlanda patrujo, pro ĝia grandioza sed larma historio, pro ĝia longa nokto de malĝojo, el kiu, malgraŭ multaj malhelpaĵoj, ĝi nuntempe penadas eliri....

Certe la nunaj malvastaj ŝtatoj nek naskos grandajn heroojn, nek faros grandegaĵojn. Sed, se ili konservados sian originalecon, ili faros multan bonon, ili plenumos sian devon al la patrujo.

Geamikoj, ni staras sur la sojlo de nova mondo kaj la nuna emo estas forĵeti ĉian malnovon. Ni ne sekvu blinde la detrueman movadon, ni ne forĵetu la multekostajn trezorojn, kiujn lasis al ni niaj praavoj. Inter tiuj, la plej kara estas nia lingvo, la natura esprimo de niaj pensoj, de niaj sentoj, de niaj preĝoj.

PATRICK PARKER.

# BRUĜO LA BELA



La stacidomo

Por la turistoj el la tuta mondo nenia urbo estas tiel ĉarmoplena, tiel interesa kiel la antikva ĉefurbo de l'Okcidenta Flandro.

Ĝia historio estas simila al tiu de riĉa kaj bela virgulino kiu, post jaroj da feliĉa kaj luksega vivado, estas subite kruele forlasita de siaj amikoj, kaj kiu pro doloro svenis. Post kelka tempo la amikoj revenas kaj tiam la ĉarma virgulino, tro bela por morti, revekiĝas el sia svenado kaj, iom post iom, revivas dolĉa kaj feliĉa.

Je la Mezepoko (de la XIa ĝis la XVa jarcento) Bruĝo estis unu el la plej grandaj centroj de komerco, dank' al sia belega natura marhaveno. Oni povas ankaŭ konsideri la antikvan Bruĝon kiel la patrujon de la plej famaj, la plej gloraj kaj ĉiekonataj artistoj, kies pentraĵoj kaj aliaj artaĵoj nuntempe ankoraŭ ornamas la urbon.

Ankaŭ de tiu tempo de riĉeco datumiĝas la malnovaj monumentoj kiujn ĉiu vizitanto admiras kiel geniajn artaĵojn kaj respektas kiel sanktejojn.



La Lago de Amo (Minnewater)

Ĉirkaŭ la mezo de l' XVa jarcento la bela Bruĝa haveno plensabliĝis kaj tiu terura malfeliĉo forigis el Bruĝo la gloron kaj la lukson. Efektive, la granda komerco, la vivo de la urbo,ne estis plu ebla kaj post kelkaj jaroj la prospereco de Bruĝo estis foririnta al Antverpeno, kies haveno, je tiu tempo, rapidege kreskadis.

De tiam la pentrinda *Venezio de l'Nordo* (*) svenis. Dum sia feliĉa tempo, Bruĝo enhavis 150,000 loĝantojn ; tiu nombro nuntempe nur atingas 60.000.




Kapelo de la S-ta Sango

Ĝis la rimarkinda jaro 1907, dum kiu la Bruĝa popolo inaŭguris sian novan havenon, la iam tiel fama urbo dormetis dolĉe kaj vivetis nur pro la memoraĵoj, pro la famo de siaj prapatroj, pro la gloraj epopeoj, kiujn ĝi iam travivis.

Nur la luksaj monumentoj atestis pri riĉeco foriĝinta kaj la restaĵoj de la vastegaj fortikaĵoj pruvis ĝian iaman potencon...

Matene kaj vespere, kiam la multaj sonoriloj el la turoj aŭdigis siajn sonojn, estis kvazaŭ tiom da plendoj. tiom da preĝoj pri savo.

(*) *Venezio de l'Nordo* : poeta nomo, donita al Bruĝo pro la multaj kanaloj kiuj trafluas tiun urbon kaj similigas ĝin al Venezi .



Flanka fasado de la hospitalo S-ta Johano

Nun la savinto de tiu bela urbo estas alveninta : estas la nova marhaveno kiun la Bruĝanoj kun nedirebla entuziasmo kaj belegaj festoj inaŭguris dum la jaro 1907. De tiam, post longa dormado, Bruĝo ekvekiĝas !... Ĝi kuraĝe reiras al la gloro !.. En la sennombraj turoj, ne aŭdiĝas plu plendaj sonoj, sed gajaj sonorilbatoj kiuj resonas kiel birdkantoj ; la riĉegaj monumentoj ĉesis sian funebron kaj staras fiere tiel kiel antaŭe !... La Bruĝa popolo kun fido rigardas la estontecon kaj laboras fervore al la gloro de siaj idoj.



La frontonoj de la kvartalo « Het Vrije » (Le Franc).

La Venezio de l' Nordo estas despli certa pri sia plena reviviĝo, ĉar nuntempe la rilatoj inter la diversaj nacioj iĝas pli kaj pli facilaj.

Povu nia kara lingvo Esperanto kunhelpi al la prosperado de Bruĝo la Bela, konigante ĝin tra la tuta mondo, altirante al ĝi multnombrajn vizitantojn kaj faciligante ĝiajn interkomunikojn kun ĉiuj popoloj !

Ho dolĉa revo !... Ho bela espero !...

Ĝi efektiviĝu baldaŭ ! BERTHA LEDÈNE.

# LA BALEARAJ INSULOJ

## Palma de Majorko

Troviĝante ekster la kutime uzata marvetura linio, la Baleara insularo estas, bedaŭrinde, ne sufiĉe konata de la turistoj.

Tamen, de kelka tempo, precipe de kiam la Imperiestro de Germanujo ĵetigis la ankron en la haveno de Mahon, la Balearaj insuloj pli kaj pli tiras al si la atenton de la vojaĝantoj.

Post la Barcelona kongreso mi marveturis al la insulo Majorko, kie mi vizitis la ĉefurbon Palma kaj ĝian ĉirkaŭaĵon. Tiu ekskurso havigis al mi grandan ĝuadon kaj mi ne povas kontraŭstari la deziron ĝin priskribi por la legantoj de « Belga Esperantisto ».

Inter la Balearaj insuloj Majorko estas la plej bela kaj la plej granda. Jen dolĉe lulata de la bluaj ondoj de la ĉirkaŭanta maro, jen skurĝata de la furiozaj akvoj sublevataj de la uragano, ĝia beleco estas impresiga kaj originala. Ĝi estas, diras George Sand, unu el la plej ravaj regionoj de l'mondo.

Kiam la ŝipo proksimiĝas la insulon, oni ĝuas tre imponantan aspekton. La rava vidaĵo sur la marbordo estas superregata de la montaro *de la Burguesa* ; antaŭ si oni rimarkas la blankajn domojn de Palma, ĉirkaŭitajn per remparoj ; dekstre oni vidas la kastelon *Bellver* kaj la koketajn vilaĝojn *Terreno* kaj *Porto-Pi*.

PALMA estas la sidejo de la provincestraro kaj de la ĝenerala kapitanaro. Nuntempe ĝi enhavas 65.000 loĝantojn. La plej bela epoko de ĝia historio estas la regado de la Maŭroj, kiuj riĉigis la urbon per belegaj monumentoj, kronitaj per minaretoj. Ĝia plej bela promenejo estas la *Paseo de l' Borno*, iama lito de la *Riero* (rivereto). Tre vizitindaj stratoj estas la *Rambla*, vasta aleo, borderita per ombroriĉaj arboj, la *Calle Miguel*, la *Calle Union*, *la Calle Constitucion* kaj aliaj kun pli moderna aspekto, belaj magazenoj kaj kafejoj. Ĉiuj stratoj alradias al la *placo de la Teatro*, meze de la urbo. La malnovaj stratoj estas mallarĝaj, turniĝantaj kaj ŝtupare pavimitaj.

Rimarkinda estas la *Lonja*, granda konstruaĵo, kiun de malproksime el la maro oni ekvidas. Ĝi estas konstruita laŭ la gotika stilo (1426 ĝis 1442) kaj estas defendata de kvar turoj, ĉirkaŭitaj de balustraro. La Lonja estas la iama komerca Borso, nune aliformigita en provinca muzeo. Malantaŭ ĝ etendiĝas bela ĝardeno kun teraso, kiu kondukas al la supro de l' monumento ; de tie oni havas admirindan vidaĵon.

Proksime de la Lonja troviĝas la Katedralo. Ĝi estas konstruita sur la ruinoj de araba moskeo. Komencita dum

regado de Jaime I (XIIIa jarcento), ĝia konstruado daŭris ĝis 1601.

La ĉefa fasado estas konstruita laŭ la gotika stilo ; en la ĥorejo troviĝas artplene skulptitaj staloj, kaj en la reĝa kapelo sarkofago de la reĝo Jaime II en nigra marmoro : oni povas vidi la mumiĝintan korpon.

Sur la *Plaça de Cort* oni vidas la Urbdomon (*Casa consistorial*), tre belan konstruaĵon laŭ Renesanca stilo kun riĉe skulptitaj kornicoj. Interne troviĝas pentraĵoj, inter kiuj unu de nia samlandano Ant. Van Dijck kaj portretoj de reĝoj kaj eminentuloj.

Malproksime de la *Casa consistorial* troviĝas la vizitinda monaĥejo de S-ta Francisko, kiu enhavas la tombon de la feliĉega Ramon Lull.

En tiu monaĥejo mi konatiĝis kun Frato Bartolomeo, tre afabla kaj lerta samideano.

* * *

Frumatene alveninte en Palma post dekhora marvojaĝo, mi estis vidinta sur la kajo domon kun granda ŝildo, sur kiu estis grandlitere pentrita **Palma Esperantista Grupo**. Unu el miaj kunvojaĝantoj iris tien kaj interparolis tie kun S-ro Gabriel Alomar y Ferragut, S. D. de U. E. A. Tiu afabla samideano gvidis la esperantistan karavanon tra sia bela urbo je la sekvanta tago ; al lia servemeco mi ŝuldas tre interesajn sciigojn pri la urbo kaj la insulo.

S-ro Alomar y Ferragut kondukis nin al la esperantista oficejo, lokita en la teretaĝo de la Komerca Ĉambro, en unu el la plej belaj stratoj de la urbo. Tio atestas pri la graveco de Esperanto en Palma. (La fino en la venonta numero.)

# ESPERANTO FACILA

## Pri Deziroj

Hodiaŭ matene la poŝtisto ĵetis paketon en mian leterkesteton. Ho ! mi pensis, kio estas ? Ĉu tio estas ankoraŭ novjara donaco 1), alvenanta iom malfrue ?

Scivole 2) kaj singarde 3) mi malfermis la paketon. Ĝi enhavis aron da leteroj. Mi jam legis : « Mi deziras ke la novjaro ne metu tiajn suferigajn kalojn 4) sur miajn piedojn. — Mi deziras... » Preskaŭ ĉiu letero komencis per tiuj vortoj : mi deziras.

Mi konfesas, ke ankaŭ mi timas la kalojn, sed mi ankaŭ konfesas, ke mi neniel komprenis la signifon de tiu stranga senditaĵo.

Ho ! jen speciala letero por mi !

Mi legis :

« Mia kara Skaldo,

» Kune kun la jena letero mi sendas al vi aron da ekzercoj skribitaj de la gelernantoj de nia Iksurba Esperantista Grupo. En unu el miaj lastaj lecionoj mi klarigis al ili la uzadon de la verba formo kun la finiĝo *u*, aŭ ordona modo 5). Je la okazo de la nova jaro, mi petis miajn gelernantojn skribi al mi ekzerce tri dezirojn, kiuj rilatos ĉu al Esperanto, ĉu al ilia persona, ĉu 6) al la socia vivo. Por ke ili povu tute libere esprimi tiujn dezirojn, eĉ tiujn el la fundo 7) de sia koro, mi konsilis, ke ili neniel konigu siajn nomojn.

» Mia kurso enhavas 33 lernantojn, 18 inajn kaj 15 virajn ; 28 el ili plenumis la deziron pri deziroj de sia profesoro, kiu do ricevis 28×3=84 dezirojn.

» Mi jam korektis la ekzercojn, antaŭ la lernantaro ; ni interdiskutis pri la esprimitaj deziroj, ĉiam nesciante la nomojn de la skribintoj.

» Nu 8), miaj dezirintaj gelernantoj deziras relegi la pensojn unu de la alia en via *Esperanto facila*, tiu speciala fako por novuloj. Ĉu tiu ilia lasta deziro estas efektigebla 9) ?

» Dankon antaŭe kaj koran saluton de

D-ro Stefano LUPTRAGTER,

Profesoro de la Grupo Esperantista de Iksurbo.»

Post tiu legado heliĝis en mia cerbo.

Jes, mia kara Profesoro, vi estis prava, kiam vi supozis trovi lokon tie ĉi. Sed ni ne kalkulu sen... la direktoro de la revuo, kiu; feliĉe estas ĉiam superŝutata 10) per artikoloj kaj tial ŝpareme limigas 11) mian faketon.

Mi do legis la 84 Iksurbanajn dezirojn. El tiuj ĉi proksimume la tri kvaronoj intersimilas, celante ĉiuj la akiron de mono, de amo, de feliĉo, — nenion pli. Mi ne citos ilin, ĉar ili estas tro ĝenerale esprimitaj.

Mi jam raportis pri la dezirinto, kiu malamas kalojn. La restantaj deziroj estas specialaj, se ne originalaj ; ili povas esti ordigataj jene, laŭ la 3 specoj difinitaj de D-ro Luptragter.

(La rimarkoj inter krampetoj estas miaj).

*Deziroj pri Esperanto*

— Mi deziras esti kapabla doni ĉiujare 10.000 Sm. al nia Iksurba Esperantista Grupo, ne naskante monbezonon ĉe mi mem. (Skaldo sammaniere promesas doni miljonon al la Liga kaso.)

— Mi deziras, ke la S-ro D-ro Profesoro de la Iksurba Grupo ne rigardu, dum sia instruado, ĉiam la saman blondulinon. (Sinjoro Stefano, ne forgesu, ke vi estas edziĝinta !)

— Mi deziras, ke la landestraroj ekuzu Esperanton en siaj internaciaj rilatoj. Estas hontinde, ke, en ĉiu lando, simplaj burĝoj devas doni al siaj estroj ekzemplon pri antaŭenirado kaj homameco !

— Por fari grandan paŝon al la tutmonda paco, oni devus, laŭ mia opinio, instrui pri Esperanto la oficirojn de ĉiu militistaro ; ili ja havas multe da libertempo. (La skribinto certe ne estas oficiro !)

— La ĉarma reĝino de Rumanujo, Karmen Silva, estas bona esperantistino kaj protektantino de la tiea Esperantista Ligo. Mi esprimas la deziron ke nia progresema nova belga reĝo Alberto ankaŭ konatiĝu kun Esperanto. kaj iĝu la protektanto de la Belga Ligo Esperantista. (Bonega deziro ! Mi intencas enkadrigi ĝin blukrajone kaj sendi ĝin al Lia Majesta Moŝto.)

— Mi deziras, ke la Esperantistoj interesu sin pli al grandaj sciencaj entreprenoj : iu samideanaro luu vaporŝipon kaj iru enpiki la verdan flagon sur la nordan poluson ; per tia grandega reklamo, kiomege la tuta homaro interesus sin pri Esperanto ! (Jes, certe, kaj... la dezirinto donos la monon kaj montros la vojon, ĉu ne ?)

*Deziroj pri la Persona Vivo*

— Mi deziras, ke mia riĉa onklino havu ĉiujn miajn ŝuldojn kaj mi ĉiun ŝian monon : tiel mi estos la plej feliĉa homo sur la tero. (Sendube la skribinto estas studento.)

Mi deziras esti tiom feliĉa ke mi neniam, neniun, nenie, neniel, nenial devu deziri (Tutsimpla afero ! Por koni tiun perfektecon, ke la dezirinto iĝu Idisto !).

— Mi deziras, ke miaj du filoj staru po unu ŝtupeto 12) pli alte ol mi sur la socia ŝtupetaro.

— Mi deziras renkonti fraŭlinon, kiu povas bone prepari la faman Majonesan saŭcon. (Ho, kuiristinoj ! lernu Esperanton, por legi tion.)

— Mi deziras, ke mia edzo revenu pli frue de la Esperantistaj kunvenoj.

— Mi estas fraŭlino riĉega kaj belega, sed tre ŝanĝiĝema (kiel ĉiuj !) : tial mi dezirus trovi edzon «bonne pâte» (bonan pastajon) kiun mi provos aliigi morale, kaj, se eble, eĉ fizike, laŭ la bezono de mia ŝanĝiĝemo. (Malofta birdino serĉas maloftan birdon.)

*Deziroj pri la Socia Vivo*

— Mi deziras, ke mia najbarino ne ludu plu sur la fortepiano. (Ŝi ne povas tamen ludi trombonon !)

— Mi deziras, ke ĉiu homo igu ĉiutage minimume unu homon feliĉa.

— Mi deziras, ke la Landestraro deprenu duonon de ĉiu heredaĵo 13), por helpi la malriĉulojn.

— Mi deziras, ke oni elpensu kaj fabriku vitrojn, per kiuj, tiel kiel per X-radioj, oni povu rigardi tra muroj kaj vestaĵoj. (La skribinto de tiu deziro ne volas aĉeti katon en sako !)

— Mi deziras, ke mi, jam en la venonta jaro, povu flugi de Bruselo al Parizo per iu regula aerŝipa servado.

— Mi deziras, ke la virinoj promenu sen ĉapeloj : ĉar ili ĉiuj havas nuntempe multajn belajn harojn. (Ho...jes !)

— Mi deziras, ke estonte fraŭlinoj povu proponi fianĉiĝon kaj edziĝon. (Prave ! sed kiu deziras tion ?)

— Tial ke neniu serioze laboras la unuan tagon post iu libertempo, mi deziras ke oni ĉiam aldonu tiun tagon al la libertempo.

— Mi deziregas ke, por propagandi pli rapide Esperanton, la Leĝo permesu al ĉiu Esperantisto edziĝi kiel en Turklando, t. e. kun tiom da virinoj kiom li volas. (Estas klare videble, ke tiu dezirinto ĝis nun eĉ ne unufoje edziĝis !)

SKALDO.

**Klarigoj** : 1) donaco : geschenk, cadeau. — 2) scivole : nieuwsgierig, curieux.— 3) singarde : voorzichtig, prudemment. — 4) kaloj : eksteroegen, cors aux pieds. — 5) ordona modo : gebiedende-bijvoegende wijze, impératif —subjonctif. — 6) ĉu... ĉu : hetzij, soit.— 7) fundo : bodem, fond. — 8) nu : welnu, eh bien. — 9) efektigebla : verwezenlijkbaar, réalisable. — 10) superŝuti : overschudden, inonder.-- 11) limigi : beperken, limiter. — 12) ŝtupeto : sport, échelon. — 13) heredaĵo : erfenis. héritage.

---

# RAKONTETO PRI LEOPOLDO I

Antaŭ ol la luksemburga fervojo ekzistis, nia unua reĝo, kiam li aliris sian kastelon en Ardenlando, forlasis la vagonaron en la stacidomo de Floreffes (je dek kilometroj de Namur) kaj daŭrigis sian veturadon per vojaĝa berlino.

Foje, pro ia ajn kaŭzo, li estis devigata halti en la vilaĝo Burnot apud la Mozo. La vilaĝestro, Sinjoro B....., aŭdinte, ke la reĝo staras sur la vojo, alkuris kaj respekte petis, ke Lia Moŝto eniru lian domon. Tion volonte akceptis la reĝo. Laŭ la gastema maniero de niaj landanoj, S-ro B.... prezentis al sia reĝa gasto botelon da vino. Leopoldo senceremonie akceptis kaj, ĉar li estis delikata kompetentulo, li plezure gustumis la bonegan vinon de la vilaĝestro. Kiel oni scias, la burgonjaj vinoj de la Mozaj bordoj ĝuas meritītan famon.

La reĝo, kiam li estis reenironta sian veturilon, afable dankis sian gastiganton kaj diris : « Sinjoro vilaĝestro, niaj reĝaj keloj ne enhavas vinon tiel bonan kiel la via ».

— Ho ! Via Majesta Moŝto, respondis S-ro B.... mi havas ankoraŭ pli bonan !

— Ho, ho ! diris la reĝo ridetante, vi eble konservas ĝin por pli bona okazo ?

— Efektive, respondis la sprita vilaĝano, ĉar mi esperas ke Via Majesta Moŝto, je sia reiro, faros al mi la grandan honoron halti tie ĉi, por gustumi ĝin.

La reĝo tutkore ekridis kaj promesis, ke li ne forgesos la aferon.

Ĝis la lasta jaro, oni religie konservis en la familio de la maljuna vilaĝestro la kalikon kaj la teleron, kiujn Leopoldo I uzis. La filo de S-ro B.... estis ankaŭ vilaĝestro de Burnot-Profondeville ; li mortis antaŭ kelkaj monatoj. Ĉar li havis nur malproksimajn parencojn, oni publike vendis lian meblaron. La du memoraĵoj de la reĝa vizito — la kaliko kun la telero — estas akiritaj de oficiro de la belga militistaro, S-ro De Q.... kiu ilin pagis sesdek frankojn.

PLANTANO.

---

## Spritaĵoj

**Kontenteco.** — Ĉu mi povas scii la motivon de via ega kontenteco ?

— Certe. Hodiaŭ matene mi plenumis tri bonaĵojn.

— Mi aŭskultas.

— Jen. Trairante la Verdan Placon, mi vidis plorantan virinon. Mi demandis al ŝi kial ŝi estas tiel malĝoja. Ŝi respondis ke ŝi ne havas unu frankòn por aĉeti kuracilojn por sia malsana infano. Mi eligis el mia poŝo la solan kvinfrankan moneron kiun mi posedis kaj donis ĝin al ŝi. La virino laŭte dankis min kaj revenis al mi kelkajn minutojn poste, por redoni la troan monon.

— Kaj nun, la du aliajn bonaĵojn ?

— Estas ĉio.

— Kiel ?

— Ho ! Mi sekigis la larmojn de la malfeliĉa patrino, — mi savis la vivon de ŝia infano, kaj mi ricevis kvar bonajn frankojn anstataŭ unu malbonan kvinfrankan moneron, kiun mi ne estus kuraĝinta fordoni.

**La motivo.** — Kial vi Dimanĉe ĉiam promenis, sola, sen via edzino ?

— Ĉar estas la tago de la Sinjoro.

**Liaj haroj.** — S-ino Snobs ĉiam portas medalionon, enhavantan harbuklon de ŝia edzo. Sed tiu lasta, maljuniĝante, fariĝis tute senhara.

— Ve, li ĝemis. Mi ja havas ankoraŭ kelkajn harojn, sed... estas mia edzino kiu portas ilin.

---

# PROBLEMOJ(1)

**Kvadrata divenaĵo** — 1. — Belaj — Neĝon — Aveno — Oliva — Numer.

Aranĝu kvadrate tiujn ĉi vortojn tiamaniere, ke, se vi akrostike legos la unuajn kaj la lastajn literojn, vi ricevos mian sinceran kaj tre koran bondeziron.

2. — **Vortoj kvadrate metitaj, kun unuformaj oblikvaj literoj** :

Ion forlasi el pagota sumo (radiko) — Ekleziulo — Frapon — Organa malfortiĝo (radiko) — Mallongiĝo de Antonio.

(Figuro)

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 |
| 2 | 3 | 4 | 5 | 6 |
| 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |
| 4 | 5 | 6 | 7 | 8 |
| 5 | 6 | 7 | 8 | 9 |

3. — **Metagrama Ĉeno**.

Ĉe ĉiuj vortoj, oni devas ŝanĝi nur unu ajn literon, por havi la sekvantan vorton. Ekz. romo — rimo — ripo — lipo — lito — k. t. p.)

Por mire multobligi la minutojn, trovu la vortojn signifantajn :

1. Sesdek minutoj — 2. Sur la kapo — 3. Publika vendejo — 4. Spico — 5. Primitiva batalilo — 6. 1440 minutoj — 7. Spaco da akvo — 8. Samideanaro — 9. Antikva muzikilo — 10. Anima sento — 11. Spacego da akvo — 12. ordinare 525600 minutoj.

**Eratumo**. — En la dua problemo de Decembro, oni erare forlasis la du silabojn : ig — of. Aldonu ilin al la 21 donitaj silaboj. PLANTANO.

(1) Oni sendu la solvojn al S-ro **Frans Schoofs**, sekretario de la redakcio, 49, Kleine Beerstraat, Antwerpen. (49, rue de la Petite Ourse, Anvers.)

Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 2a jarkolekto estos publikigataj la nomoj de la solvintoj. Belaj premioj estos aljuĝataj.

Oni povas respondi pseŭdonime.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la izolitajn samideanojn, ke ili sendu kiel eble plej akurate informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al la Direktoro de « Belga Esperantisto », 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers). Tre dankeme nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO.** — Kiel ĝojiga fakto estas citinde, ke la publika urba biblioteko aĉetis tridekon da esperantistaj libroj kaj abonis diversajn esperantistajn gazetojn.

Post nelonge la listo de ili ankoraŭ pligrandiĝos.

Ĝis nun la libroj ne ankoraŭ estas haveblaj ; ili devas esti binditaj kaj enskribitaj en la katalogo, kies novan eldonon oni nuntempe preparas.

Nia revuo sciigos kiam ili estos je la dispono de la legantoj.

**BOOM.** — Ke Esperanto fariĝis simpatia en la publika vivado, montriĝis antaŭ nelonge en Boom. La ĉi tiea famkonata gimnastika societo « Turnkring Boom » organizis, meze de multnombra ĉeestantaro la 23an de Januaro tre sukcesinta festo. Ĉiuj numeroj de la programo estis varme aplaŭdataj, sed la aklamoj fariĝis reala entuziasmo kiam fine, en la mallumo, aperis piramide formita, la apoteozo de Esperanto, prezentanta Esperanton, kunigantan frate diversajn simbolojn, kiel la Ruĝan Krucon, la reciprokan kunhelpon, la gimnastikon, k. c. Super la grupo altiĝis nia verda stelo kaj viglaj voĉoj kantis hore flandran cirkonstancan himnon, kies rekanto estis: « Ni havas nur unu celadon, firmiĝi la interpopolajn ligilojn. Esperanto « estas nia komuna lingvo, ĝi disvastiĝu kaj estu konata ĉie, por la feliĉo « de la homaro ».

**BORGERHOUT.** — La grupo « Laboro » starigis, kiel estas anoncite en nia antaŭa numero, teatran sekcion, kiu prezentas sian kunlaboradon al aliaj esperantistaj grupoj, kiuj organizas festojn. La direktanto estos S-ro Marius Roe. Por klarigoj kaj aliĝoj (senpagaj) oni estas petata sin turni al la speciala sekretariino por tiu fako, F-ino Henriette Lile, 8, Moorkensplein, Borgerhout.

**BRUĜO.** — El tiu urbo ni ricevas tre ĝojigajn informojn. La nova kurso, organizita de S-ro Witteryck, kunigis grandan ĉeestantaron, inter kiu diversaj eminentuloj el la urbo.

La komitato por la dua nacia kongreso jam estas organizita ; ĉio igas esperi ke ĝiaj klopodoj plene sukcesos.

**MEĤLENO.** — Verdire la Meĥlena Grupo Esperantista ne estas tre multnombra, sed ĝiaj anoj estas fervoraj kaj viglaj. Dank' al la laŭdindaj klopodoj de ĝia prezidanto, nia amiko L. Van Peteghem, ili faris grandajn progresojn en la Zamenhofa lingvo. Antaŭ nelonge propagandaj artikoloj pri Esperanto aperis en *la Voix de Malines* kaj en la *Gazet van Mechelen*. Aliflanke ni plezure sciiĝis, ke S-ro Dessain, urbestro de Meĥleno, akceptis la honoran prezidantecon de la grupo.

**VERVIERS.** — En la kunvenejo de la « Verda Stelo » oni ĝoje prifestis, la 9an de Januaro, la feston de la Tri Reĝoj.

Kvardeko da personoj ĉeestis. Post elekto de la reĝo, aŭdigis sin talentaj kantistoj kaj instrumentistoj ; gajaj rondoj kaj dancoj finis tiun agrablan vesperkunvenon.

Sekve de tiu sukcesplena festo kaj laŭ la deziro de diversaj personoj oni komencis la 16an de Januaro novan kurson.

— Ĉe la « Cercle Franklin », societo de instruado, la kurso, organizita de la « Esperantista Grupo », komencis la 18an de Januaro.

## Het Esperanto in den Vreemde

**CHINA.** — Vóór eenige maanden werd door eenen Chinees in Shangaï een esperantische groep gesticht, die 60 leden telt.

Een leergang werd geopend te Wuchang, waar ook eene groep werd ingericht.

Deze feiten zijn zeer beteekenisvol en bewijzen eens te meer de ontwaking van de Zonen des Hemels.

**CROATIË.** — De « Kroata Esperantisto », die regelmatig te Zagreb wordt uitgegeven door Mevr. Danica de Bedekovics, bevat iedere maand verheugend nieuws over den vooruitgang onzer wereldtaal.

**DUITSCHLAND.** — De 50e verjaardag van Dr Zamenhof werd luisterrijk gevierd in Berlijn, Braunschweig, Görlitz, Leipzig, Lübeck, Plauen en in vele andere steden.

— Nieuwe groepen ontstonden en nieuwe leergangen werden geopend in de Humboldt - academie en in de vrije hoogeschool te Berlijn. Eveneens te Bitterfeld, Charlottenburg, Chemnitz (voor onderwijzers), Düsseldorf, Erlangen, Essen, Görlitz, Kassel, Keulen, Liegnitz, Lübeck, Lüneburg, Ober-Oderwitz, Oels, Bad Reichenhall, Riesa, enz.

— Wij ontleenen uit het officieel verslag van het Saksisch instituut voor Esperanto de volgende cijfers :

Het instituut richtte 45 leergangen in met 1707 leerlingen ; de bibliotheek leende 1272 boekdeelen uit ; 72 voordrachten werden door leden van het gesticht gegeven ; de inrichting zond door de heele wereld meer dan 12.000 omzendbrieven betrekkelijk de handelsvoortbrengsels van de Saksische nijverheid.

**FRANKRIJK.** — Belangrijke voordrachten en feesten werden met bijval gehouden te Angers, Apt, Avignon, Bayonne, Béziers, Boulogne s/M., Bourg, Caen, Douai, Roubaix, Louhans, Luçon, Nevers, Nogent sur Seine.

— In de *Excelsior Debating Society* werd door Mevrouw Dion-Trouillon eene voordracht met tegenspraak gehouden over Esperanto, met het gevolg dat thans een groot gedeelte der toehoorders eenen Esperanto leergang volgt.

— **Louviers.** — Men leest in *le Phare Sténographique* : « De esperantische groep van Louviers, waarvan de heer Bontemps, adjunkt (schepene) der stad, voorzitter is, heeft zich aangesloten bij de Fransche maatschappij ter bevordering van het Esperanto (S. F. P. E.) opdat men wel wete, dat daar, evenals overal, de Esperantisten maar één Esperanto, dat van Zamenhof, erkennen. »

## L'Esperanto à l'Étranger

**CHINE.** — Il y a quelques mois un Chinois a fondé un groupe espérantiste, à Shangaï, qui compte 60 membres.

Un cours a été organisé à Wuchang, où un groupe vient de se fonder.

Ces faits sont très significatifs et prouvent une fois de plus le réveil des Célestes.

**CROATIE.** — Le « Kroata Esperantisto » qui se publie régulièrement à Zagreb sous la direction de Madame Danica de Bedekovics, contient chaque mois des nouvelles réjouissantes pour le progrès de notre langue universelle.

**ALLEMAGNE.** — Le 50me anniversaire du Dr Zamenhof a été solennellement fêté à Berlin, Brunswick, Görlitz, Leipzig, Lübeck, Plauen et beaucoup d'autres villes.

— De nouveaux groupes ont été fondés et de nouveaux cours ont été ouverts à l'académie Humboldt et à l'université libre de Berlin. De même à Bitterfeld, Charlottenburg, Chemnitz (pour instituteurs), Düsseldorf, Erlangen, Essen, Görlitz, Kassel, Cologne, Leignitz, Lübeck, Lüneburg, Ober-Oderwitz, Oels, Bad Reichenhall, Riesa, etc.

— Nous extrayons du rapport officiel de l'Institut espérantiste de Saxe les chiffres suivants :

L'institut a organisé 45 cours avec 1707 élèves ; la bibliothèque a donné en prêt 1272 volumes ; 72 conférences ont été données par des membres de l'institut, qui a expédié à travers le monde entier plus de 12.000 circulaires se rapportant aux produits commerciaux de l'industrie saxonne.

**FRANCE.** — Des conférences et des fêtes intéressantes ont été données avec succès à Angers, Apt, Avignon, Bayonne, Béziers, Boulogne s/M., Bourg, Caen, Douai, Roubaix, Louhans, Luçons, Nevers, Nogent sur Seine.

—Dans le *Excelsior Debating Society* Madame Dion-Trouillon a organisé une conférence contradictoire sur l'Esperanto, avec le résultat qu'une grande partie de ses auditeurs suit actuellement un cours d'Esperanto.

— **Louviers.**— On lit dans *Le Phare sténographique :* « Le groupe espérantiste de Louviers, dont le président est M. Bontemps, adjoint au maire, vient d'adhérer à la société française pour la propagation de l'Esperanto (S. F. P. E ) pour qu'on sache bien que là, comme partout, les espérantistes ne reconnaissent qu'un Esperanto, celui de Zamenhof. »

Opmerkenswaard is het, dat Louviers de stad is bewoond door den heer de Beaufront, den vader van het plagiaat, dat men Ido noemt.

Geen Sant verheven in zijn land!

— Het 1e katholiek esperantisch congres zal plaats hebben te Parijs. van 30 Maart tot 4 April. Zie *Diversaj Informoj*.

**GRIEKENLAND.** — Verschillige dagbladen hebben artikels over Esperanto laten verschijnen. In de bijzonderste steden van Griekenland, alsook in verschillige eilanden van den Griekschen Archipel zijn reeds « samideanoj » die ijverig met propaganda bezig zijn.

**ITALIË.** — Het 1e congres der Italiaansche esperantisten zal plaats hebben te Florence, van 21 tot 23 Maart a. s. De congreskaart kost 5 lire (= 2 Sm). Inlichtingen over het congres zijn te verkrijgen bij den heer Carlo Alberto Viterbo, Viale principe Amedeo, Firenze (Florence), Italië.

**MANDSJOERIË.** — Een esperantische groep bestaande uit 60 leden werd gesticht te Kharbine, de stad, die tijdens den Russischen-Japanschen oorlog zulke beruchtheid kreeg.

**MEXICO.** — Onze beweging wint veld in Mexico. In vele steden wordt Esperanto gesproken; nieuwe groepen ontstaan en leergangen worden gegeven. Vooral in de volgende plaatsen wordt veel vooruitgang gedaan : Mexico, Chihuahua, Tampico, Vera-Cruz, Leon, Teziutlan, Torreon, Zamora, Durango en Guadalajara. Een groote geestdrift heerscht om het groot landelijk congres te doen gelukken, dat in September te Mexico zal plaats hebben.

De pers is over 't algemeen zeer gunstig aan onze beweging. Een nieuw tijdschrift, *Meksika Stelo*, wordt aangekondigd. U. E. A. telt reeds een groot getal leden in westelijk Mexico.

**POLEN.** Het in Lwow uitgegeven tijdschrift «Voĉo de kuracistoj» meldt, dat het getal zijner abonnenten reeds de duizend overschrijdt. Bravo !

— In Warschau werd het eerste nummer uitgegeven van het nieuw pharmaceutisch blad « Voĉo de farmaciistoj ». Onze beste wenschen van welgelukken !

— Nieuwe leergangen en groepen werden ingericht te Rzeszow, Bohnia en Kalisch. Over Krakau, waar 't achtste esperantisch congres gewenscht wordt, geeft *Pola Esperantisto* uitmuntende nieuwstijdingen.

**SPANJE.** Nieuwe groepen werden gesticht te Carthagena, Los Dolores, Barcelona (Esperanta katolika grupo) Gerona, La Arboleda (Bilbao) en Sos (Zaragoza). Leergangen werden geopend te Carthagena, Los Dolores, Alicante en Madrid.

Il est digne de remarque, que Louviers est la ville où habite M. de Beaufront, le père du plagiat, nommé Ido.

Nul n'est prophète chez soi !

— Le 1r congrès catholique espérantiste aura lieu à Paris. du 30 mars au 4 avril. Voir *Diversaj Informoj*.

**GRÈCE.** — Divers journaux ont publié des articles en faveur de l'Esperanto. Dans les principales villes de Grèce, ainsi que dans plusieurs villes de l'Archipel grec, des « samideanoj » s'occupent activement de propagande pour notre cause.

**ITALIE.** Le 1r congrès des espérantistes italiens aura lieu à Florence, du 21 au 23 mars prochain. La carte de congressiste coûte 5 lire (= 2 Sm). On peut obtenir des renseignements au sujet de ce congrès, en s'adressant à M. Carlo Alberto Viterbo, Viale principe Amedeo, Firenze (Florence), Italie.

**MANDCHOURIE.** — Un groupe espérantiste comprenant 60 membres a été fondé à Kharbine, la ville qui acquit tant de célébrité pendant la guerre russo-japonaise.

**MEXIQUE.** — Notre mouvement gagne du terrain au Mexique. Dans beaucoup de villes on parle Esperanto. Les progrès sont surtout remarquables dans les localités suivantes : Mexico, Chihuahua, Tampico, Vera-Cruz, Leon, Teziutlan, Torreon, Zamora, Durango et Guadalajara. Un grand enthousiasme règne pour faire réussir le premier grand congrès régional, qui aura lieu à Mexico, pendant le mois de septembre.

En général la presse est très favorable à notre mouvement, Une nouvelle revue, *Meksika Stelo*, est annoncée. U. E. A. compte déjà un grand nombre de membres dans la partie occidentale du Mexique.

**POLOGNE.** La revue « Voĉo de kuracistoj », qui se publie à Lwow, annonce que le nombre de ses abonnés dépasse déjà le millier. Bravo !

— A Varsovie a paru le premier numéro de la nouvelle revue pharmaceutique « Voĉo de farmaciistoj ». Nos meilleurs souhaits de bonne réussite !

— De nouveaux cours ont été organisés à Rzeszow, Bohnia et Kalisch. *Pola Esperantisto* publie d'excellentes nouvelles sur Cracovie, où l'on désire qu'ait lieu le huitième congrès espérantiste.

**ESPAGNE.** De nouveaux groupes ont été fondés à Carthagène, Los Dolores, Barcelone (Esperanta katolika grupo), Gérone, La Arboleda (Bilbao) et Sos (Saragosse) Des cours ont été ouverts à Carthagène, Los Dolores, Alicante et Madrid.

**VEREENIGD - KONINKRIJK.** De hoofdgebeurtenis tijdens de laatst afgeloopen maand was het vieren van den vijftigsten verjaardag van onzen duurbaren « Majstro ». In midden-Londen werd dit heugelijk feestj begonnen door het openen van eenen Esperantobazar ; de feestelijkheden eindigden met onzen hymnus « l'Espero. »

Tijdens de feestweek bespraken meer dan 20 niet-esperantische bladen het verjaarfeest.

Uit alle hoeken van het Vereenigd-Koninkrijk werden verslagen ingezonden over de feestviering. Wij vermelden slechts de volgende steden : Brighton, Hove,Brighhouse,Coventry,Dundee, Eastborne, Edimburg, Glasgow, Huddersfield, Keighley, Lancaster, Montrose, Newcastle, Norwich,Portsmouth, Reading en Wakefield.

— Meer dan 25 voordrachten werden gedurende de maand December in het Vereenigd-Koninkrijk gehouden.Onder deze was vooral merkwaardig de voordracht op Z.M. stoomschip *The Vernon,* te Portsmouth. De ter plaats wonende « samideanoj » deden zoo goed 't groote nut van Esperanto voor de zeevaarders uitschijnen, dat 31 hunner thans de wederlandsche taal aanleeren.

— Een tiental nieuwe leergangen werden ingericht, waaronder twee in jongensscholen. Te Bayswater werd bij de nationale volksbibliotheek voor blinden een esperantische afdeeling gesticht.

— Het derde Britisch congres zal op 14, 15 en 16 Mei plaats hebben in de schoone badstad Cheltenham (West-Engeland), in de nabijheid van het heerlijke Kotswoldgebergte.

**VEREENIGDE STATEN.** Het 6e wereldcongres van Esperanto zal gehouden worden teWashington, van 14 tot 20 Augusti a. s.

De heer Edwin C. Reed, algemeene secretaris der esperantische vereeniging in Noord-Amerika,meldt dat,met het oog op dit congres, waarschijnlijk eene boot zal afvaren van Antwerpen-Londen naar Montreal (Canada). Van Montreal zou deze naar Niagara's watervallen en vandaar naar Washington varen. Bij de terugreis zouden de toeristen New-York aandoen. Er zou slechts éene klas aan boord zijn en de rondreis zou 400-500 frank beloopen.

**ZWITSERLAND.** De twee esperantische groepeeringen van Geneve hebben een middenbestuur samengesteld, ten einde samenwerking in de propaganda te bekomen. In het *Esper-*

**ROYAUME-UNI.** Le grand événement du mois dernier fut la célébration du cinquantième anniversaire de notre cher « Majstro ». Dans le centre de Londres cette fête mémorable commença par l'ouverture d'un bazar Esperanto, et se clôtura par l'hymne « l' Espero ».

Pendant la semaine des fêtes plus de 20 journaux non-espérantistes ont consacré des articles au Dr Zamenhof et à son anniversaire.

De tous les coins du Royaume - Uni des comptes-rendus ont été envoyés sur les festivités. Nous nous bornerons à mentionner lesvilles suivantes: Brighton, Hove, Brighhouse, Coventry, Dundee. Eastbourne, Edimbourg, Glasgow, Huddersfield, Keighley, Lancaster, Montrose,Newcastle, Norwich, Portsmouth, Reading et Wakefield.

—Pendant le mois de décembre dernier plus de 25 conférences ont été données dans le Royaume-Uni. Parmi celles-ci la conférence donnée sur le steamer de S. M. *The Vernon* à Portsmouth a été particulièrement remarquable. Les « samideanoj » habitant la ville ont démontré avec tant de succès la grande utilité de la langue universelle pour les marins, que 31 d'entre eux de se sont fait inscrire pour le cours d'Esperanto.

— Une douzaine de nouveaux cours ont été organisés, parmi lesquels deux dans des écoles pour garçons. Une section espérantiste a été fondée à la bibliothèque pour aveugles à Bayswater.

—Le troisième congrès brittannique aura ieu le 14, 15 et 16 mai dans la belle cité balnéaire Cheltenham (Angleterre occidentale), dans le voisinage de la charmante contrée des montagnes Kotswold.

**ETATS-UNIS.** Le 6me congres international d'Esperanto aura lieu à Washington, du 14 au 20 août prochain.

M. Edwin C. Reed, secrétaire général de l'association espérantiste de l'Amérique du Nord, annonce qu'à l'occasion de ce congrès un navire partira probablement d'Anvers-Londres pour Montréal (Canada). De Montréal le bateau partirait pour les cataractes du Niagara et de là jusqu'à Washington. Au retour les touristes visiteraient New-York. Il n'y aurait qu'une classe à bord et le voyage coûterait de 400 à 500 francs.

**SUISSE.** Les deux groupements espérantistes de Genève ont fondé un comité central, afin d'obtenir plus d'ensemble dans la propagande. Journellement six employés travaillent

*anta oficejo* zijn dagelijks zes personen voor Esperanto werkzaam.

— Nieuwe leergangen werden ingericht te Glaris, Grandson. Lausanne Liestal, Morges. Münsingen, Olten, Rheinfelden, Sümiswald, Zug, enz. In vele plaatsen werden met veel bijval voordrachten over Esperanto gehouden. De pers, vooral in Duitsch Zwitserland, werkt uitmuntend onze beweging in de hand.

dans *l'Esperanta oficejo* pour la propagande espérantiste.

— De nouveaux cours ont été organisés à Glaris, Grandson, Lausanne, Morges, Münsingen, Olten, Rheinfelden, Sümiswald, Zug, etc. Dans beaucoup de localités des conférences, couronnées d'un plein succès, ont été données sur l'Esperanto. Notre mouvement est excellemment favorisé par la presse, surtout dans la Suisse allemande.

# *Komuniko de D-ro Zamenhof*

## DANKO

Okaze de la kvindeka datreveno de mia naskiĝo mi ricevis grandegan multon da bondeziroj en plej diversa formo : telegramojn, leterojn, poŝtajn kartojn, gazetajn artikolojn, librojn, manuskriptojn, fotografaĵojn, k. t. p.

Ĉio ĉi tio profunde min kortuŝis, kaj mi tre dezirus esprimi al ĉiu gratulinto mian plej sinceran dankon ; sed bedaŭrinde tio estas por mi fizike neplenumebla. Tial oni volu pardoni min, ke, anstataŭ respondi aparte al ĉiu persono, aŭ almenaŭ al ĉiu gazeto, societo aŭ grupo, mi esprimas mian plej profundan dankon al ĉiuj kune, per ĉi tiu publika letero.

La gazetoj esperantistaj faros al mi grandan komplezon, se ili publikigos mian dankon.

L. L. ZAMENHOF.

Varsovio, 20. XII. 1909.

# *DIVERSAJ INFORMOJ*

S-ro A. J. Witteryck, prezidanto de la Bruĝa grupo, faras alvokon al la komplezemo de la esperantistoj, kantistoj aŭ deklamistoj, kaj petas ilin kunhelpi al la 2a nacia kongreso, okazonta la 15an-16an de Majo (Pentekostaj tagoj).

La samideanoj kiuj konsentas plenumi lian deziron estas petataj informi lin pri tio. Adreso : 4, Nieuwe Wandeling (Nouvelle Promenade).

**Katolika kongreso en Parizo.** Kun la alta aprobo de Lia Moŝto, S-ro Amette, ĉefepiskopo en Parizo, kaj kun la efektiva apogo de Lia Moŝto, S-ro Baudrillart, la unua internacia kongreso de la esperantistoj katolikaj okazos en Parizo, de la 30a de Marto ĝis la 4a de Aprilo. Lia Moŝto S-ro Baudrillart, ĝenerala vikario kaj rektoro de la katolika Instituto, permesis al la kongresa komitato la uzadon de la salonegoj de l'Instituto, strato Vaugirard.

La kongreso pritraktos tri gravajn demandojn : la kunigon de la eklezioj, la religian instruadon kaj la socian agadon.

La kongresanoj pilgrimos al la Sanktejo de S-ta Genovevo, al la ĉefpreĝejo de Parizo, al la basilisko de la S-ta Koro kaj al la Sankta Kapelo ; ili vizitos sociajn instituciojn kaj la Versajlan palacon.

La agadoj de l'kongreso finiĝos per ĝenerala kunveno kaj festeno, kiu okazos je Dimanĉo, la 3a de Aprilo.

Pliaj sciigoj pri la kongreso estas haveblaj ĉe S-ro Pastro A. Richardson, profesoro en la instituto St Louis, rue du Marais, Bruxelles.

— Oni sciigis nin pri la fondo en Brombergo (Germanujo) de « Varietea esperantista ligo », kies tasko estas forigi la lingvajn malhelpaĵojn en varieteaj rondoj per enkonduko de la Zamenhofa esperanta lingvo. Diversaj varieteaj artistoj, inter kiuj la lerta parodiisto Karlo Schwarz de la Pariza teatro « Folies-Bergère » kaj la germana koncertkantistino Paula Sanden aliĝis la varietean Ligon. Ekzistas eble nenia profesianaro, kiu tiel grave sentas la diverslingvecon, kiel precipe la varieteaj artistoj, kies profesio kondukas ilin en ĉiujn landojn de la mondo. Tial la Ligo petas ke oni konigu al si *la nomojn de personoj, en ĉiuj pli grandaj urboj, kiuj estas pretaj kaj taŭgaj, instrui la liganojn almenaŭ unu fojon ĉiusemajne.*

Sciigojn oni bonvolu sendi al la ĉefsekretario de la « Varietea esperantista ligo », S-ro **Otto Linse**, Neuer Markt, Bromberg, Germanujo.

— **Poŝtmarkoj.** S-ro **Achille Payot**, 20, Van Ertbornstraat (Rue van Ertborn), Antwerpen (Anvers), deziras interŝanĝi malnovajn poŝtmarkojn kun belgaj ekzempleroj, ankaŭ malnovaj.

**Deziras korespondi**: S-ro Heliodoro Hermenegildo José de Sousa, en S. Vicente, Madeira.

— S-ro **Frans Linke**, Zwickauerstrasse, 95, Chemnitz (Germanlando), deziras korespondi letere aŭ per ilustritaj poŝtkartoj. La markon oni gluigu sur la bildflanko.

---

*De nun B. E. regule aperos la 15an de ĉiu monato. La akurata aperigo de la lasta numero je tiu dato igis nin rapidigi la presadon ; tio klarigas la fakton ke ĝi enhavas kelkajn erarojn, neeviteblajn pro la manko de tempo.*

Plumeraro dirigis nin : Belga **internacia** kongreso, anstataŭ **esperantista.** B. E.

---

# LITERATURA PARTO

## LA SERVISTINETO

DE

GEORGES EEKHOUD

**Georges Eekhoud,** belga poeto kaj romanverkisto, naskiĝis en Antverpeno dum 1854.

Li estas unu el niaj plej famaj kaj konataj naciaj aŭtoroj, kiuj plej potence kunlaboris al la renovigo de la belga literaturo, inaŭgurita de la skolo nomata *Juna-Belgujo* (Jeune-Belgique). Li ĉefe brilas per sia ĉarma stilo, plena je verdeco kaj originaleco, kiu ebligas al li montri la plej karakterizajn aspektojn de la flandra tero kaj ĝiajn morojn, kaj fine, per vera priskriba talento.

Liaj verkoj en prozo pli rebriligas lian personecon ol la poeziaĵoj, per kiuj li eniris la literaturan karieron. Oni ŝuldas al li tri kolektojn da poezioj. La plej malnova, *Myrtes et Cyprès,* datumiĝas de 1876, kaj, krom tre grava kunlaborado al multaj jurnaloj kaj revuoj, grandan aron da romanoj kaj noveloj, el kiuj diversaj akiris grandan famon. Inter ili estas ĉefe citindaj : *Kees Doorik* (1883), *La nouvelle Carthage* (1889), kiu konigas la bruan Antverpenon, urbon kaj havenon de komercistoj, *Le cycle patibulaire* (1895), unu el liaj plej konataj verkoj, kaj *Mes Communions* (1897), el kiu estas ĉerpita la sekvanta skizo.

Servistineto el mia hejma regiono, servistineto novica, alportanta en viaj vestaĉoj, en via karno, en via hararo, sur viaj lipoj, precipe en la fundo de viaj grandaj okuloj, la vibrantan atmosferon kaj la penseman ĉielon de la kara lando..

Anoncita kaj rekomendita de Baas (Mastro) Martens, iu bonanima estimindulo, la servistino transpasis nian sojlon ian matenon, dum la sezono de la fagonuksoj.

Iu junulo el Brabantsch Putte (1), unu el tiuj vendistoj de matoj kaj de pajlaj tapiŝoj kiuj ĉiulunde disvendas en Bruselo la malmulte profitigajn produktojn de la Kempenlanda(2) industrio, kaj kiuj, senigitaj de sia rulaĵo, reiras al ŝia preĝeja turo ĝis la fino de l'semajno, estis kondukinta sian samvilaĝaninon ĝis nia pordo.

Per iomete sufokita voĉo, kiun ŝi penis firmigi, la junulino komisiis sian akompananton prezenti ŝian lastan saluton al ŝia patrino, la pli aĝa frato kaj la junaj fratinoj.

— Certe !

La kamparano deprenis sian ĉapon, ĵetis per seka bruo la rimenon sur sian ŝultron kaj malproksimiĝis, elĵetante sian nazo- kaj gorĝosonan kriadon.

Antaŭ ol meti teren sian modestan vestaĵaron, enfermitan en ruĝa, kotona tuko, ŝi promenigis siajn grandajn, brunajn, aŭtunkolorajn okulojn ĉirkaŭ la kuirejon kaj simple diris : « Mi kredas ke mi feliĉiĝos tie ĉi. »

En la eksono de tiu esprimo, mi distingis kortuŝajn nuancojn.

Mi legis en ĝi alvokon al nia indulgo, la deziron por alklimatiĝi, la bravecon de dek-kvinjara koro, iom dubanta pri sia forto. Tio signifis : « Kiel vi ŝajnas al mi bonkoraj personoj : se je la komenco mi montras min mallerta aŭ malvigla, vi ne krude traktos min, ĉu ne, kaj vi havos paciencon pensante, ke mi estas nur infano, kiu neniam forlasis sian vilaĝeton ?... »

Ŝi aldiris : « Sinjoro Martens rekomendis min indiĝi je lia protekto, kaj esti honesta kaj ĝentila. »

Certe ŝi estos inda je l'honesteco de la Kempenlandaj knabinoj kaj je la konfido de S-ro Martens !

De tiu mateno ŝi sciiĝis pri ĉio, sed spite sia agemeco, je la manĝohoroj apetiton ŝi ne havis.

La morgaŭan tagon ni ŝin vidis kun ruĝaj okuloj kaj malfreŝa mieno.

— La ideo pri la patrina tegmento ŝin suferigas, ni diris al ni, sed tiu ĉagreno, kiu estas la pruvo de bona koro, ne daŭros !

La sekvantajn tagojn saman energion por sia tasko ŝi montris, sed la apetito ĉiam mankis, kaj ŝiaj freŝaj koloroj de atlasaj peonioj paliĝis.

Je sabato, post plenumita rondiro, la matvendisto venis por informiĝi pri ŝi.

Dum li malproksimiĝis, ŝi kriis al li : Antaŭ ĉio, diru al ili ke mi estas tre, tre feliĉa, kaj ke mi ne plu volus reiri al Brabantsch Putte.

Kaj, kvazaŭ fiera pri sia animforto. ferminte brue la pordon, ŝi interparolaciis min kun parola rapidegeco :

(1) Belga vilaĝo en la provinco Antverpeno, apud la holanda landlimo.
(2) Kempenlando, regiono en la norda parto de la belgaj provincoj Antverpeno kaj Limburgo.

— Vi min aŭdis, Sinjoro ; tiu ripetos al mia patrino, kiom mi estas feliĉa en via domo !

Bona infano ! mi tamen malfidis tiun fierecon. Mi divenis ke abrupte ŝi rompis la interparoladon kun la kolportisto, nur por eviti la tentadon repreni la vojon al siaj naskiĝaj abiaroj, ĉar mulsuprenirante al la kuirejo, ŝi ne sufiĉe rapide deturnis la kapon por kaŝi larmojn, kiuj ekperlis en ŝiaj longaj brunaj okulharoj, kiuj dronigis en novembra nebulo la septembran voluptecon de ŝiaj grandaj okuloj.

Posttagmeze ŝi ĝoje ellavis la vestiblon. De el mia ĉambro mi aŭdis ŝin, brosantan bruege, ŝi ne ĉesis ĝemigi la pumpilon kaj ŝpruci akvon plensitele.

— Nu bone ! mi diris al mi. Ŝi forskuas sian nostalgion. Mi tute ne mirus se ŝi ekkantus por gajigi sian laboron.

La kanto tamen prokrastiĝis, sed revenke la antaŭludo fariĝis nekonvena. Unu momenton, ĉar la bruego malhelpis daŭrigi mian laboron, mi malsupreniris por peti la tro viglan laboristinon ke ŝi manumu pli diskrete sian ilaron da brosoj kaj siteloj.

Mi haltis sur la ŝtuparplataĵo. La kompatindulino efektive miksis sian voĉon kun sia bruegado.

Sed kia malgaja kantaĵo ! Kia korŝiranta plendo !

Estis por silentigi la bruon de siaj plorĝemoj ke la servistineto faris tiom da bruego. La tumulto ebligis min proksimiĝi, sen ke ŝi aŭdis miajn paŝojn.

— Nu, mi diris, tuŝante ŝian ŝultron, ĉu estas tiamaniere ke oni alkutimiĝas ?

Ŝi faligis siajn laborilojn, kaŝis sian vizaĝon per siaj manoj, kaj tra intensigo de larmoj, ŝi konfesis sian malforton, sian tiom sanktan malforton...

— Pardonu, Sinjoro. Kiam mi pensas pri mia hejmo, estas pli potence ol mia volo kaj mia forto, mi devas plori, se ne, mi sufokus... Estas kvazaŭ ili alligis al mia koro ŝnuron, per kiu tie ili tiras tiel ege kiel ili povas. Ili tiras, kaj fine ili revenigos min al si..., se ne, ili forkroĉus mian animon... Estas malsprite, mi scias. Cetere ili mokos min en la vilaĝo... Mi ne povas tion eviti... Ho, mi ne kulpigas vin, tute ne ! Vi estas bonkoraj, tro bonkoraj por mi !... Kaj tamen, eĉ se vi estus la bona Dio, kaj la sinjorino la sankta Virgulino, mi malgraŭ tio, farus mian pakaĵon (1)... Do, permesu ke mi reiru al mia vilaĝo, sabaton, kun Franske, la kolportisto de matoj... »

Ne estis eble ŝin reteni. Vane dum tiuj ok tagoj, tuŝite de niaj kuraĝigaj paroloj, niaj aproboj, niaj afablaĵoj, ŝi provis kontraŭagi sian fiksan ideon.

Diversfoje, subite ŝi sciigis nin pri sia decido resti kaj sin montri saĝa. Sed, dum la momento mem, kiam ŝi opiniŝanĝis, ŝia akcento, ŝia rigardo, ŝia kompatinda rideto malpravigis ŝian diron.

(1) Flandra esprimo kiu signifas *pretiĝi por foriri.*

La tagon antaŭ la vizito de sia samregionulo, maldecidite, ne sciante ĉu ŝi obeos sian kapon aŭ sian koron, ŝi ordiĝis kaj malordiĝis dudekfoje sian humilan pakajon.

— Mia patrino promesis min viziti ; nu, mi atendos ŝian alvenon, kaj mi akompanos ŝin, se mi ne sukcesas alkutimiĝi...

— Ĉu estas decidite ?

— Estas dicidite.

Unu minuton post tiu interkonsento, maŝine ŝi kuris agitate al la horloĝo, kaj tro longaj ŝajnis al ŝi la horoj, kiuj ŝin disiĝis de la apero de Franske, la liberigonto.

Ne, neniam ŝi alkutimiĝos. Senutile estis konfesi al ni sian mankon de kuraĝo. Ni konsideris ŝin libera de ŝia devigo. Ŝi pasigis la lastan nokton kaj leviĝis antaŭ la tagiĝo. La matvendisto neniam sin prezentis frumatene, tio ne malhelpis ke lia samregionanino tremis kiam la laktovendistino sonorigis.

Tute preta, kun siaj vestaĵoj en la mano, ŝi atendis Franske en la vestiblo. Se li estus forgesinta veni hodiaŭ ! Se li ne jam forvendis sian rulaĵon ! Se li timus nin ĝeni ! Tiom da turmentaj supozoj, dolorpremantaj la malfeliĉulinon, tro sensperta por ekforvojaĝi sola kaj retrovi la vojon al la hejmo.

Oni denove sonorigis, kaj, fine, ŝi malfermis la pordon por li...

La junulo estis ege surprizata pro la subita ŝanĝo. Li moketis sian protektulinon, kaj provis ŝin konvinki.

Tiu granda blondulo, kun senĝena sintenado, konis plibone la urbon. Dekvin jarojn li ĉiusemajne piedfrapis la Bruselan pavimon, forvendante siajn matojn en la plej dezertaj kvartaloj kaj, se la ĉefurbo ne sukcesis lin delogi aŭ malbonigi, ĝi almenaŭ ne plu timigis lin.

La saĝaj admonoj de la ŝarĝportisto ne konvinkis la knabinon. Plivole ol resti, ŝi estus alkroĉiĝinta al li, kiel al savanta naĝbarelo. La junulo estis konfuza pri tio, kaj senkulpiĝis pro ŝi. Se li ne estus ŝin haltiginta ĉe la malfermetita pordo, ŝi estus foririnta ne adiaŭe salutante nin.

Mi mokridis severe : « Ĉu oni iam vidis frenezulinon kiel tiun ? Ŝi forkuras kvazaŭ la domo renversiĝus!... »

Nur estis ŝajno, afekteco, embarasata sintenado, mia bela amiko !

Interne, mi pensis : « Mi ne koleras kontraŭ vi pro tiu forkuro, kompatinda infano. Kaj viaj samhejmanoj estus malpravaj, mokante vin. Vi ne estus la sola, kiu konsumiĝas malproksime de la hejma lando. Mi ankaŭ, mi vivas nenaturan vivon, mi aliigas mian mienon. Mi laboregas kaj penadas por distriĝi. Kaj, se agitege mi krias ĉirkaŭronde, estas por ke oni ne aŭdu sangadi mian koron. Kiel vi, knabino, kiam mi ŝajnas

plej fanfarona, plej gaja, mi estas preta por ekplori kaj min konfesi venkita...

» Karulineto, mia fratino laŭ la sankta patruja regiono, ĉu vi rememoras la tagon, kiam la junulo el Brabantsch Putte alportis al vi sciigojn pri via domaro, kaj pri la ekscesoj ĉe la holanda landlimo ? Mi kvazaŭ indiferente alproksimiĝis por ekkapti kelkajn dispecojn de via konversacio kaj mi informiĝis, ŝajne indiferenta, pri la karaj personoj kiuj forgesis aŭ neniam konis min, sed kiuj «estas» de tie, kiuj havas nomojn similajn al niaj, parolas la amatan dialekton, travagas la erikejojn aŭ la aluviojn kie mi pasigis mian plej bonan, mian solan vivon...

» Tiel infana kiel vi, en mia fanatika amo, mi volonte emas kredi ke la suno, ĉefe la steloj de Kempenlando, estas malsamaj al la ĉi tieaj, se ne estas, ke kiel mi, la ekzilitaj astroj sin kuntiras kaj faras al si enigman mienon kaj kaŝas sian neindulgeman suferadon sub masko de indiferenteco kaj de skepticismo.

» Franske diris : « Kaj la filo de la vidvino Hendrickx » edziĝas kun Bella, de la lignoŝuisto.... Ĉe Marinckx sabaton » oni buĉis la porkon.... Kaj Nand, la strabulo, estas sankto- » leumita... Kaj nune, la fanfarsocieto ludas ĉiusabate ĉe » Laveldom... »

» Ĉe tiu parolita gazeto de la vilaĝo, interrompita de la naivaj ekkrioj : « Zou het ? Hoor je ! » (Vere ? Ĉu eble ? ) — ĉe tiu senfina vico de samtonaj rakontadoj de la matkolportisto, mi eksentis kunrilatojn tiel emociantajn, tiel topikajn...

» Ho ! mi estus aŭskultinta tiun plendan psalmodion dum horoj, dum longaj, tre longaj horoj, kiel iam mi aŭskultis la venton en la foliaro, la mugadon de la bovoj kaj la tintadon de la sonoriloj....

» Post la foriro de la junulo, de tiu indiferentulo, la libroj ŝajnis al mi pli senĉarmaj,miaj amikoj pli afektemaj, mia metio pli nesuferebla kaj la urbo pli fermita.

» Estu dirite inter ni, karulineto, mi estas tiom malforta kiom vi. La karnavalo de la burĝa vivado ĉagrenas min pli kaj pli, mia urba masko kaj mia aliiĝo terure ekpezas sur mi. Alproksimiĝu ankaŭ por mi la tempo, kiam mi povos reiri al mia hejma lando, spite de ĉio, estu nur por foriri dormi, tute proksime de la preĝejo, vi scias, ĉe la piedo de l'ardezteg-ita turo, kun ĝia pintita ĉapo malrekte konstruita, kiu sign-odonas, de super la arbaj kurtenoj, al la malrapidantoj, kiuj riskas ne ĉeesti la « hostilevadon » : — vi scias, la loko kie la gajuloj, la junuloj vestitaj per kiteloj, parolas mallaŭte, por ne tenti la mortintulojn.... »

Kun la afabla permeso de l'aŭtoro esperantigis
AMATUS.